# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Februaro n-ro 2/2010

## SUKCESO DE "BEL-KONFERENCOJ 2010" EN PIRACICABA MONTRAS, KE ĜI FIRME ENIRIS LA ESPERANTISTAN KALENDARON EN BRAZILO

70 homoj enskribiĝis kaj aktive partoprenis la trian eldonon de tiu nova evento aŭspiciata de Brazila Esperanto-Ligo. Klare montriĝas, ke la publiko bone komprenas ĝiajn celojn: kleriĝo, amika diskutado pri niaj kulturo kaj movado kaj serioza serĉado de novaj vojoj por nia afero – ĉio en tre agrabla etoso, sen samtempaj programeroj kaj kun abunda koridara babilado. Dum la karnavalaj dimanĉo (14/02) kaj lundmateno (15/02) oni aŭkultis kaj diskutis (foje en laborgrupetoj) pri "Kontaktoj de BEL ĉe universitata, politika kaj diplomata medioj" (J. Passini), " Esperanto-instruado kaj Esperanto-edukado" (D. Bianchini), "Dedukto el du frazoj" (G.Mattos), "Instruado de Esperanto en Brazilo – nuna stato kaj perspektivoj" (J. Barbosa kaj P. Nascentes), "La decido eduki dulingvajn infanojn kaj nia familia sperto pri denaska Esperanto" (Isis kaj James Piton). Lastmomente, Prof-o José Leite Jr., el Fortaleza/ CE, ne povis ĉeesti por prezenti sian studon.
Ĉiu partoprenanto ricevis kajeron kun la resumoj de la prelegoj; interesatoj povas peti ĝin rete.
La evento okazis en katolika seminario "S. Fidelis", kiu proponis tre komfortajn ĉambrojn por tranoktado, manĝado kaj laborado. Dum tagmanĝa paŭzo, emociiga frandaĵo: junula blovorkestro el la najbara urbo Charqueada prezentis belegajn muzikaĵojn, kiuj ravis la publikon. Pluraj samideanoj proponis, ke ili sin prezentu en Brazila Kongreso, baldaŭ. La loka ĵurnalo informis pri la evento: www.jornaldepiracicaba.com.br.
Brazila Esperanto-Ligo varme dankas la laborgrupon en Piracicaba kaj Charqueada (vidu foton), kiu multe strebis kaj atingis senriproĉan rezulton, sub la entuziasma kaj entuziasmiga gvidado de la nelacigebla Guilherme Jardim. Koran dankon!

## BRAZILA SEKCIO DE ILEI HAVAS NOVAN ESTRON

Venezuelano Leysester Flores Miró transprenis la gvidadon de la brazila sekcio de Internacia Ligo de Esperanto-Instruistoj, kiu dum la lastaj tri jaroj restis sub la respondeco de José Roberto Tenório, el São Paulo. Miró estas filozofo, kun fakaj studoj pri instruado de lingvoj kaj jam kontaktis la estraron de Brazila Esperanto-Ligo por kunlaborado. Granda scivolemo stariĝas jam inter la brazilaj ILEI-anoj: ĉu daŭre aperos la bonega revuo "BRAZILEI", kiun la antaŭa sekciestro fondis? Miró respondas: tio dependas nur de la konkreta apogo, kiun la nova ILEI-Br ricevos! Tio estas: dependas de ni!

Se vi interesiĝas pri instruado de Esperanto en Brazilo, tiam estu membro de ILEI
http://ileibr.org/brazilei/aligilo

## "BEL-CONFERÊNCIAS 2010": SUCESSO E ENTRADA EM DEFINITIVO NO CALENDÁRIO ESPERANTISTA BRASILEIRO

Cerca de 70 participantes, na cidade de Piracicaba/SP demonstraram compreender o espírito do novo evento: cultura e discussão de novos rumos para o Movimento Esperantista brazileiro. Durante o domingo e manhã de segunda feira de carnaval, debateram sobre contato da Liga Brasileira de Esperanto com autoridades, ensino e educação Esperantista, novas estratégias para o ensino do Esperanto no Brasil, gramática do Esperanto e uso familiar do idioma. Todos receberam apostila com os resumos dos trabalhos. A sede foi o Seminário católico S. Fidelis, que ofereceu excelentes acomodações. No domingo, a Corporação Musical de Charqueada/SP brindou os presentes com emocionante concerto de sua orquestra jovem. Surgiu, na ocasião, proposta para que os jovens se apresentem em um dos próximos Congressos Brasileiros de Esperanto. O Jornal de Piracicaba noticiou o evento.

A Liga Brasileira de Esperanto e, em especial, os participantes das "BEL-conferências 2010" ficam profundamente gratos aos ativistas de Piracicaba e Charqueada, principalmente ao Esperantista Guilherme Jardim, orientador do grupo, pela perfeita organização e condução do evento. Parabéns!

## SEÇÃO BRASILEIRA DA ILEI TEM NOVO RESPONSÁVEL

O venezuelano Leysester Flores Miró é o novo diretor da Liga Internacional de Professores de Esperanto (ILEI) no Brasil. Filósofo e especialista em ensino de idiomas, Miró já está em contato com a Liga Brasileira de Esperanto para colaboração entre as duas entidades. Indagado sobre a continuidade da elogiada revista "BRAZILEI", fundada pelo antecessor José R. Tenório, respondeu que "só depende do apoio concreto que a 'ILEI-BR' vier a receber". Depende de nós!

SEJA MEMBRO DA ILEI-BR!
http://ileibr.org/brazilei/aligilo

# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Februaro n-ro 2/2010


## INFORMIĜU PER INTERRETO PRI LA 45-A BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO

Ĝi okazos en la simpatia urbo Campo Grande/MS, de la 13-a ĝis la 16-a de julio 2010. Ataide Godoi, la Prezidanto de Loka Kongresa Komitato sciigas, ke la adreso www.45bke2010.blogspost.com disponigas jam la Unuan Informilon, kiu traktas pri hoteloj, komuna loĝejo, oficiala ĉemizo, k.s.. Vizitu ĝin!

## NOVA ESTRARO EN NITEROI / RJ

Je la 26-a de januaro 2010 elektiĝis nova estraro ĉe Niteroi Esperanto-Klubo, unu el la plej malnovaj aktivaj kluboj en Brazilo. La nova Prezidanto estas Graça Eliana Thuler, al kiu ni deziras fruktodonan laboron. (Informis Walter Fontes)

## SOMERA KURSO EN VOLTA REDONDA

Instruado de Esperanto regule okazadas en la urbo Volta Redonda / RJ de pluraj jaroj. Inĝ. Alberto Flores tie instruadas ĉe Asocio de Emeritoj kun admirinda persisto. Nun, Inĝ. Vicente P. Werneck informas, ke somera kurso por infanoj okazas em 2010. Petu de li fotojn: gramatikisto@ig.com.br.

## PRELEGO EN CURITIBA / PR

Je la 6-a de februaro 2010, la aktiva Esperantisto Roger Gotardi, el la urbo Salto do Lontra /PR, prelegis ĉe la sidejo de Paraná Esperanto-Asocio pri sia partopreno en la junulara evento "NOVA", kiu okazis en Charqueada /SP, en januaro 2010. Li pritraktis ankaŭ la eblecon enkonduki Esperanton en lernejojn de sia urbo.

## TREJNADO POR INSTRUISTOJ EN RIO

Dum unu tuta tago (la 25-a de aprilo 2010, de la 9-a ĝis la 17-a horoj), komencantoj kaj veteranoj havos la eblecon diskuti pri instruado de Esperanto. Ĉeestos eminentuloj: Geraldo Mattos, Aloísio Sartorato, Jair Salles, Francisco Wechsler, k.a..Temas pri Trejnado por Instruantoj, ĉe Kolegio Francisco de Assis, Av. Santa Cruz 980, Realengo, Rio. Petu detalajn informojn de marcio140471@oi.com.br.

## BRAZILANOJ PREMIITAJ EN EŬROPO

La konata revuo "La Ondo de Esperanto" anoncis, ke brazilaj aŭtoroj Neide B. Rego (originala poemo "Kial, Florbela?") kaj Elias Antunes (originala poemo ""L' Alia") ricevis "laŭdajn menciojn" de la fama konkurso "LIRO 2009", kiu estas organizata en Rusujo. Gratulon!

## SAN-PAŬLANOJ AKTIVAS

En januaro, junulo Osmar Alves prelegis ĉe San-Paŭlo Esperanto-Asocio pri Aracy Rosa, edzino de la fama verkisto João Guimarães Rosa. Tiu homama virino helpis savi multajn homojn el la nazia persekuto. Petu materialon: osmarsalves@ig.com.br.
Kaj Milena Rinaldi proponas fotojn kaj informojn pri neformala vizito de Esperantistoj ĉe Centro Cultural São Paulo, en januaro 2010: rinaldi.mila@gmail.com.

## INFORMAÇÕES SOBRE O 45º CONGRESSO BRASILEIRO DE ESPERANTO NA INTERNET

O evento mais importante do calendário Esperantista brasileiro vai acontecer em Campo Grande/MS, de 13 a 16 de julho próximo. Consulte o sítio: www.45bke2010.blogspost.com

## NOVA DIRETORIA EM NITEROI

Eleita nova diretoria do tradicional Clube de Esperanto de Niteroi , um dos mais antigos em atividade no país. Presidente: Graça E. Thuler. Sucesso!

## CURSO EM VOLTA REDONDA

Vicente Werneck anuncia curso de verão para jovens. Veja as fotos: gramatikisto@ig.com.br.

## PALESTRA EM CURITIBA

Em 6 de fevereiro de 2010 Roger Gotardi, de Salto do Lontra/PR, fez palestra na Associação Esperantista do Paraná, sobre o evento jovem "NOVA", ocorrido em janeiro último. Informou também sobre a introdução do ensino do Esperanto nas escolas de sua cidade.

## TREINAMENTO PARA INSTRUTORES DE ESPERANTO NO RIO

Em 25 de abril de 2010, para iniciantes e veteranos: Colégio Francisco de Assis, Av. Sta. Cruz 980, Realengo. Detalhes com marcio140471@oi.com.br

## BRASILEIROS PREMIADOS

O tradicional concurso "Liro", da Rússia, outorgou menção honrosa a poemas de Neide B. Rego e Elias Antunes, Parabéns!

## SÃO PAULO NÃO PÁRA

Em janeiro último o jovem Osmar Alves fez palestra na Associação Paulista de Esperanto sobre Aracy Rosa (esposa de João Guimarães Rosa), que salvou judeus das garras do nazismo. No mesmo mês, um grupo de Esperantistas paulistanos visitou o Centro Cultural São Paulo, em programa informal. Veja as fotos: rinaldi.mila@gmail.com.

Curso de Esperanto na Universidade Federal do Ceará
http://www.esperanto.ufc.br/20091116.htm

17/11/2009
a 05/02/2010